# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

25a jaro Majo/Junio 1973 N-ro 3

## Rerigardo al jubilea kongreso



Kompari niajn kongresojn ja ne eblas: ĉiufoje trafas nin io alia ege speciale. Ni bone memoras pri la 10a kongreso en Århus ke ni tiam speciale admiris niajn danajn gekolegojn pro la prizorgado de etaj detaloj kiel tabloornamaĵoj k.t.p. Kaj ankaŭ ĉifoje ni spertis la bonan kaj efektivigan prizorgadon ĝis ĉiuj detaloj.

Por ĉi tiu kongreso rimarkinde estis ekzemple la preciza aperado de 5 kongresbultenoj kun enhavo plenzorge kunmetita, ne nur racia sed eĉ sprita! L.K.K.

estis plenzorga pri la fakto ke multaj partoprenintoj ne ĝustatempe anoncis la alvenhoron kaj pro tio je sabata posttagmezo subita alfluo kaŭzis iom da stagnado. Sed la zorgoj nur havis L.K.K. ĉar ĉiuj alvenintoj estis bonhumoraj kaj la atendado antaŭ la akceptejo tute ne tedis ilin! Salutante kaj parolante la tempo



rapide pasis. La alvenhalo estis feste ornamita per verdaj flagoj kaj sloganoj. Multaj horoj estis ankoraŭ je dispono por atingi la hotelon kaj por unua promenado tra la urbo. Nur en la vespero ni kuniĝis en la kongresejo, iom malproksime de la urba centro, sed aliflanke bela moderna konstruaĵo taŭga por la celo: granda salono, aparta saloneto por konversacii kie troviĝis librovendejo k.t.p., aparta oficejo por L.K.K.: ege praktika.

Dum la konatiĝvespero la konata sfero:



De la ekumena diservo en la Preĝejo de Nia Sinjorino.

La evangelia parohestro Gunnar Edberg el Malmö laŭtlegas la biblian tekston por la tago, dum lia katolika kolego, pastro Grünewald, Århus, aŭskultas sidante.

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio**

**Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio**

**Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio**

brua muziko, zuzumo de voĉoj, renkontiĝoj pli aŭ malpli ne-atenditaj. Jam dum tiu kunesto unua oficiala momento:G.E.-F.A. donacis belegan flagon al I.F.E.F.!

La kongresa dimanĉo estis plenplena tago. La ekumena diservo estis bone aranĝita kaj feliĉe bone vizitata. Nia lingvo ankaŭ en tiu homa aktiveco montras vojon kiu gvidas al unueco; ekzemplo kiu certe havas grandan valoron por la ekstera mondo.

Same kiel en la jaro 1958 ni povis disponi pri la belega urbdoma halo por nia inaŭgura festo. Impone enkadrigita de blovorkestro la oficialaj parolantoj turnis sin al la vere internacia aŭskultantaro. Ĝojige estas du faktoj dum niaj inaŭguroj:

1a. la ĉeesto de diversaj aŭtoritatuloj mem (ne «nur» reprezentantoj!) kaj 2a. la uzado de la internacia lingvo!

Grava fakto pri la agnosko de la valoro de la internacia Esperanto-movado estas ke ekzemple D-ro. Schlesser, ĝenerala prezidanto de FISAIC persone ĉeestas kaj salutas, esperantlingve, nian kongreson.

Post la inaŭguro nur kelkaj mire demandis sin: kial ne la fotografado? Ankaŭ dum la bankedo kelkaj afablaj vorto eksonis kaj ankaŭ donacoj, faritaj sindone kaj plenzorge, estis disdonitaj.

D-ro. Bormann, flue kaj kompetente, prelegis pri ege aktuala temo. Pri la internacia balo vortoj certe estas superfluaj: la etoso estis kiel ĉiam.

La kongresa lundo estis labortago por multaj gekongresanoj. Denove, ni tion jam konstatis post Lugano, ni povas esti ege kontentaj pri la granda intereso de la flanko de la kongresanoj por la konsidoj publikaj. La veteranoj de nia I.F.E.F. movado, iom pli ol 50, ĉeestis specialan kunvenon. Prezidinto de Jong parolis pri la pasinteco, junular-gvidanto Gérard Horn pri la estonteco! La ĉeesto estis aggrabla kaj distra. La urbdomo denove rigardis la kongresanojn, kiuj grandnombre plenigis la halon je mardo vespere por malavara regalo de la flanko de la urbestraro. Malmulte da oficiala parolado, multe de interbabilado inter kongresanoj el 18 landoj en nia unu nura kongresa lingvo.

Pri la vetero mi ne ankoraŭ diris unu vorton. Sed nun: je merkredo la tuttaga ekskurso okazis favorita de ege bela vetero: apenaŭ iom da vento, milda suno, klara aero kiu permesis preskaŭ senlima elrigardo sur alloga dana pejzaĝo, montetoj, arbaroj, lagoj, rivеretoj kaj poste la impona golfo kun pontoj! Vere sukcesplena tago prizorgita ĝis ĉiuj detaloj! Ĝis dum la plenkunsido la estraro konservis gravan surprizon: fiere la sekretariino komunikis ke kontaktoj kun japanaj kolegoj gvidis al oficiala peto de niaj japanaj kolegoj por aliĝo al I.F.E.F.kiel 20a landa asocio. Kompreneble la kunveno aplaŭde konfirmis sian permeson kaj tuj la kunveno sendis bonvenigleteron al la nova asocio en nia internacia movado.

Kaj poste la feliĉa kasisto ricevis ekonomian jubilean donacon de la landaj asocioj, sume 1750 svisajn frankojn.
La folklora vespero estis samtempe distra kaj informriĉa.

Vendredo, la lasta tago de la kongreso, ege baldaŭ venis. Plenplena interesa tago: la informado pri Tarragona, la fakprelego kaj la ege bela interesa eskurso al pitoreska urbeto Ebeltoft!

Dum la lasta vespero ni ĝuis pri la aktivecoj de aliaj FISAIC-sekcioj, muzikistoj, kantistoj. La fermparolado de I.F.E.F -prezidanto kaj la transdonado de la I.F.E.F.-standardo de Danio al Hispanio estis la oficiala fino de nia jubilea kongreso.

Sekvis ankoraŭ dancado kaj ........ adiaŭado!!

Ne supozeble kiel rapide tuta kongressemajno preterpasas. Kvankam ........ dum tiu unu semajno kongresano travivas tiom ke li ne povas imagi ke li estis nur unu semajnon en Esperantujo. Ĉar kompreneble mi nur priskribis kelkajn etajn pecojn de la kongrestravivaĵo! La realeco estis io tute alia: multaj malgrandaj ĉeneroj kunigitaj ĝis unu longa ĉeno.

Entuziasmaj la danaj amikoj akceptis la gigantan taskon, plenzorgaj ili atendis la rezulton de la farita laboro, feliĉaj kaj fieraj ili povas esti pri la sukceso! La plej granda kompenso estas la kontenteco de la 500 gekongresanoj, sed krome ĉiu vidas la oficialan agnoskon: arĝentan FISAIC-medalon por amiko J. Kristoffersen, honoran IFEF-membrecon por L.K.K.-prezidanto Ingvard Kensing!

Danaj geamikoj, multan dankon!

*Wim L. van Leeuwen.*

# Du gravaj distingaĵoj en Århus



La prezidanto de IFEF transdonas al la dana kolego I. Kensing la dekreton pri honora membreco de IFEF.



La dana emerita kolego Johs. Kristoffersen ricevis la arĝentan medalon de FISAIC.
Maldekstre J. Giessner, prezidanto de IFEF, mezo d-ro E. Schlesser, ĝenerala prezidanto de la Internacia Federacio de kulturflegantaj Fervojistoj (FISAIC), kiu transdonis la medalon.

Dum la 25a jubilea kongreso du aktivaj danaj kolegoj alte estas honoritaj:

En la veterana kunveno la prezidanto de LKK, Ingvard Kensing, estas nomumita honora membro de IFEF laŭ propono de la estraro. La komitato estis unuanime konsentinta.

Kensing kunorganizis la unuan IFEF-kongreson kiel kasisto de LKK, la dekan kiel prezidanto kaj la trian fojon ankaŭ la jubilean kongreson kiel prezidanto de LKK. Jam tio estas granda agado por la Federacio. Dum 10 jaroj li estis prezidanto de DEFA kaj longe kunlaboris en la kongresoj kiel delegito de sia lando. Gravis la tempo de lia prezido la evoluo de la rilatoj al la FISAIC. Li kaj la veterana kolego Kristoffersen ĉefe iniciatis, ke la danaj libertempaj grupoj en 1957 aliĝis al la FISAIC. Kensing ankaŭ kunlaboris en la IFEF-historio kaj ĵus verkis la historion de DEFA, kiun li en 300 ekzempleroj donacis al DEFA dum la bankedo. Entute Ingvard Kensing estas ĉiam bonkora, nepre findinda kolego, kiun liaj amikoj jam longtempe alte estimas.

La dua honorita persono estis la 81-jaraĝa Johs. Kristoffersen. Li ricevis arĝentan FISAIC-medalon el la mano de la ĝeneralprezidanto de la FISAIC, d-ro E. Schlesser. Kristoffersen esperantistiĝis jam longe antaŭ la dua mondmilito. Konsiderinde li kontribuis post la milito en la restarigo de la disŝiritaj kontaktoj. Li estis kuniniciantо de la novfondo de IFEF en Amsterdamo, kie li ankaŭ ĉeestis. Same jam pli frue li kunfondis DEFA. Li verkis kaj tradukis sennombrajn artikolojn kaj donis multajn kursojn. Longe li kunlaboris en la Terminara Komisiono. Kiel sekretario de LKK li kunorganizis la unuan kaj dekan IFEF-kongresojn. Krome li fervore aplikis kaj propagandis Esperanton ĉe la danaj filatelistoj fervojistaj kiel ties sekretario. Same kiel Kensing li decide kunagis, kiam temis pri dana aliĝo al la FISAIC. Tiel longe kiel lia sanstato permesis, Kristoffersen estis inter la aktivuloj kaj havas multnombrajn amikojn inter la tuta IFEF-membraro.

Gratulon al ambaŭ kolegoj pro la plene meritītaj distingaĵoj.

*IFEF-estraro*

## Resumo kaj komentario pri la jaraj raportoj de la landaj asocioj de IFEF 1972

Verki jarraporton fakte ne estu la plej grava tasko de landa estraro. Preferinda estas vigla agado. Spite de admonoj ne raportis Britio kaj Bulgario.

Ĝojiga konstato: IFEF kresketis 1972, je 6 membroj. Progresoj en Svedio kaj ĉe izolaj membroj, perdoj en Nederlando kaj Britio.

700 pliajn membrojn eblus anigi, se devizaj malhelpoj ne ekzistus. La nombro da pasivaj membroj de niaj l.a. (landaj asocioj) estas 800.

*21. Landaj estraroj kaj funkciuloj.*

*21.2. Landaj estraroj.* La firmecon de la asocioj ree pruvis malmultaj ŝanĝoj en la gvidantaro. Novan prezidanton elektis Germanio, Italio kaj Svisio. Nova sekretariino funkcias en Germanio, novaj kasistoj en Belgio, Ĉehoslovakio kaj Hungario.

*23. Evoluo de rilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj.*

*23.3 Rilatoj al centro de kulturaj org., resp. landa FISAIC-sekcio.* Polio, kiel unua l.a. el socialista ŝtato sukcesis aliĝi rekte al FISAIC, gratulon. Pri rilatoj kun siaj resp. landaj FISAIC-sekcioj esprimas sin kun «tre bonaj rilatoj»: Aŭstrio, Belgio, Danio, Francio, Germanio, Hispanio, Italio, Norvegio kaj Svedio. Kiel «bonaj» ilin taksas: Finnlando kaj Nederlando. Germanio alapartenas kiel ano de fervoj-oficiala organizaĵo BSW, kiu bone subtenas nian movadon. GEFA estas deklarita «plej aktiva grupo» flanke de BSW. Saman favoron ĝuas Italio. Sola plendo el Svisio, pro nekomprenebla sinteno de VKES-prezidanto, kies kontraŭstaro al la 24a IFEF-kongreso kaŭzis zorgetojn al LKK.

*24. Kunlaboro/rilatoj kun aliaj esp. organizaĵoj.*

*24.1. Rilatoj al neŭtrala landa asocio.* Pri bonaj kaj tre bonaj rilatoj ĝojas 11 landaj asocioj. En socialismaj landoj niaj l.a. estas aŭtomate ties subsekcioj. Pri sufiĉe bonaj rilatoj heroldas 3 asocioj. Pri malboniĝo plendas Svisio, tamen intertempe elektiĝis nova komitato, kies

prezidanto kaj kasisto estas fervojistoj. En Belgio dumonate okazas komunaj kunsidoj, en Francio komunaj kampanjoj, en Germanio fervojistoj funkcias en la esp. instituto kaj en junulara movado. Aparte grava kunlaboro regas en Hungario. En Italio nia faka l.a. celkonscie kunlaboras por la parlamenta propono pri enkonduko de E. en la lernejojn.

*24.2. Rilatoj al landaj ŜAT-sekcioj aŭ grupoj.* Pri bonaj rilatoj raportas Danio kaj Nederlando. Kunlaboro ekzistas en Belgio, kolektiva aliĝo en Norvegio.

*24.3 Kontakto kun aliaj landaj esp. organizaĵoj.* Jen demando en la skemo, kiu plejparte estis miskomprenita. Ĝuste respondis Belgio pri rilatoj kun esp. naturamikoj kaj «Monda Esperanto-Turismo». Danio kunlaboras kun novfondita dana junulara esperantistaro. Francio en kastelo Grésillon organizis sukcesan feriosemajnon. Polio flegas kontakton kun esp. muzeo Sopot kaj Svisio kun «Kultura Centro Esperantista» kiu verkis 23-lecionan franclingvan kurson por sindikata gazeto «Le Cheminot».

*25. Informado.*

*25.2.0 Artikoloj en gazetoj* dank al interveno de niaj l.a. aperis 270. Rekordas Germanio kun 143 kaj Svisio kun 70 (dank al la kongreso).

*25.2.01 La kongresa gazetara bulteno* estis en 47 kazoj uzita, plej ofte en Germanio. La kritiko de la lugana bulteno estas tre pozitiva, sole la kongreslando esprimas malkontentecon, manke de fotoservo kaj dumkongresa bulteno.

*25.2.1 La faka prelego* pri la Gotthard-fervojo plene aperis nur en la federacia organo. Resumojn mencias 23 kaj menciojn 18 niaj l.a.

*25.2.1.2 Fakaj prelegoj prifervojaj* dum landaj, regionaj aŭ grupaj kunvenoj okazis 2-foje en Ĉehoslovakio, en Germanio ĉe 2 regionaj kaj 11 grupkunvenoj kaj unufoje en Polio.

*25.2.2 Informoj pri agado al la fervoja administracio* okazis en Ĉehoslovakio Germanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Norvegio, Polio kaj Svisio. Sole pere de FISAIC-sekcioj en Belgio, Hispanio kaj nur per fervoj-oficialaj gazetoj en Danio, Francio. La reagoj estis jenaj: Belgio: nia asocio estas taksata plej agema kultura grupo. Germanio ne spertis of reagon, sed efikon flanke de la socia entrepreno BSW. Hispanio: favora reago, same Hungario, Italio kaj Norvegio. Svisio plurfoje informis la direkcion pri progresoj de la kongrespreparoj kaj ĝuis moralan kaj materian subtenon.

*Informoj al la sindikato.* Tiaj okazis en Aŭstrio, Ĉehoslovakio, Germanio, Hungario, Jugoslavio, Italio, Norvegio, Polio kaj Svisio. La reagoj estis: publikigo de artikoloj en sindikataj gazetoj en multaj landoj, plej ofte pozitiva reago, parte financa subteno kaj disponigo de kunvenejoj.

*25.2.3 Aparta informado en deĵorejoj.* Deĵorejoj estas lokoj, en kiuj dungitoj kelkfoje ĝuas liberan momenton por diskuti kun kolegoj. Kial ne pli eluzi tian preskaŭ senpagan varbeblecon? 6 asocioj utiligis la afiŝon de IFEF, 4 flugfoliojn, 2 la fervojoficialan gazeton, 3 aperigis notojn sur informa tabulo, 2 anoncis sole kursojn. Nur Germanio entreprenis grandskalan aŭtunan varbadon en ĉiuj deĵorejoj per disdono kaj elpendigo de efika materialo.

*25.2.4 Radioprelegoj,* pro kunlaboro aŭ instigo de niaj l.a. okazis: mallongaj en radio Vieno, 2 en Germanio, 1 en Polio kaj 2 en Svisio.

*En televido* okazis nur 2 elsendoj, ambaŭ pri la kongreso en Lugano.

*25.3 Ekspozicioj.* En 12 landoj okazis 17 ekspozicioj. Ekskluzive de niaj l.a. aranĝitaj, estis vizitataj de proks. 27 000 interesuloj, aliaj, en kunlaboro landa asocio/fervojista l.a. de proks. 345 000 personoj.

*25.4 Informa materialo* estis abunde disdonita. 8 landaj asocioj distribuis 4000 afiŝojn, 9 l.a. 3300 flugfoliojn kaj 6 asocioj 7200 pli ampleksajn informilojn. Plej grandan kvanton distribuis Germanio, sekvas Francio.

*25.5 Jarkunvenoj.* En 15 landoj tiajn partoprenis 784 membroj kaj 62 gastoj eksterlandaj. Plej multnombran viziton notis Germanio kun 130. Plej alloga kunveno fariĝis la trilanda kongreso belga-franca-germana en luksemburga Clervaux, kun 300 pertoprenintoj el 12 landoj. Tiu kongreso, sed ankaŭ la aŭstra, hungara, sveda vidis valorajn kulturajn kaj distrajn programojn kaj ekskursojn.

*26. Junulara agado.*

*26.1. Kunlaboro junularo/landa estraro.* Francio mencias epizodan kunlaboron. La gejunuloj deziras propran organizaĵon, ili kunlaboras kun UFE, SAT kaj naturamikaj aranĝoj. La junulara komisiito en Germanio, membro de la GEFA-estraro, koordinas la junularajn interesojn en la estraro kaj reprezentas la fakan junularon ĉe IFEF, GEA kaj TEJO. En Hispanio kaj Italio bona kunlaboro kun tutnacia junularo esp. En Jugoslavio kunlaboro kun la asocio, same en Svedio.

*26.2 Apartaj junularaj aranĝoj* nur efektiviĝas en Francio.

*26.3 Apartaj favoroj* flanke de fervoja administracio nur en Jugoslavio. La plimulto el la l.a. mencias mankon de gejunuloj, aliaj modestan komencon de tiaj kolektivoj, aŭ en Hispanio kaj Jugoslavio okazan kunagon kun la nacia esp. junularo.

*28. Terminara laboro.*

*a) Laboro por terminaretoj.* Jam finsolvita en Germanio, Hungario, Jugoslavio, Nederlando kaj Norvegio. Pri daŭrigo de la laboro raportas Ĉeĥoslovakio kaj Svedio. Danio pretigis manuskripton, sed ĝis nun ne sukcesis presigi ĝin. Pretas same la finna. Francio kontraŭstaras al tia eldonmanerio. En Hispanio kaj Italio la laboro stagnis en 1972.

*b) Laboro por UIC-leksikono* estas daŭrigata en Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Francio, Germanio, Hungario, Jugoslavio, Svedio kaj Svisio.

*c) Traduko de internaciaj konvencioj,* nenia agado.

*d) Sugestoj al TK.* Francio petas flanke de la IFEF-estraro pli seriozan konsideron.

*101. Diversaĵoj.*

| | |
|---|---|
| Aŭstrio | Bonsukcesa skisemajno. |
| Belgio | Valora kontakto kun 3 sindikatoj, disponigo de loko en ties gazetoj. |
| Danio | Kun loka grupo Århus invito de «Pola Pupteatro», prezentado por 100 personoj. 4 Kunvenoj kun filmaŭ lumbildprezentadoj de eksterlandaj prelegantoj. |
| Finlando | Bona kunlaboro kun abstinencaj fervojistoj. |
| Francio | Impresa altigo de nombro de kursanoj al 60. Per la of. ferv. gazetoj pli ol la duono de fervojistoj estas atingeblaj por nia propagando. Sukcesa ferio-semajno en kastelo Grésillon. |
| Germanio | petas la l.a. sciigi, kiamaniere ili povis utiligi la jarraportojn kaj tiun-ĉi resumon. |
| Hungario | ĉiusemajnaj klubvesperoj en |

| | |
|---|---|
| | Budapest kun kultura aŭ faka temo. En Sékesfehérvar landa renkontiĝo, okaze de 1000-jara jubileo de la urbo kun nomigo de Esperanto-placo en la centro de la urbo. |
| Italio | Raportoj kun bildoj pri kongreso Lugano en div. gazetoj. En interdepartementa ferv. filatelista ekspozicio, sekr. G. Gimelli bonsukcesis pro interesa kolekto da esp. poŝtmarkoj kaj — ŝtampoj. |
| Jugoslavio | Kunlaboro por organizado de 58a UK en Beograd. |
| Nederlando | Dufoje feria semajno en Zwolle. Aktiva agado en Kunlabor-komitato por kursoj» en Amsterdam. |
| Polio | Ĉiusemajne kunvenoj en Gdansk kun variaj programoj. |
| Svisio | Rezulte de la 24a IFEF-kongreso kursoj kaj grupfondiĝoj en Lugano kaj Bellinzona. |

28 paĝoj da raportoj fariĝis 3 en tiu resumo. Per tio la raportoj fariĝas pli facile traflugeblaj, sed ĵus tion ni ja evitu. Ĉiu raporto, de ĉiu lando meritas pripensadon, foje vi eble ĵaluzas pri pli efika agado ol en via lando, foje vi konstatas, ke la verkinto nemulton oferis al vi. Elĉerpu la valoran kaj diskutu la tuton en via rondo.

Romanshorn, 2-a de majo 1973.

O. Walder

## Ekstrakto el la protokoloj pri la publikaj kunsido estraro/komitato (14.5) kaj plenkunsido (17.5) En la 25a kongreso de Århus

La menciitaj punktoj de la tagordo estas troveblaj en IF 1/73 paĝo 10/11.

*A. Kunsido estraro-komitato*

3. *Raporto de la ĉefkomitatano Greutert*

Laŭdas la kunlaboron kun la estraro. Parolas pri la jarraportoj (skemoj). Petas proponojn kaj kritikojn flanke de la komitato por doni al la laboro ankoraŭ pli da efiko. Li sugestas, serĉi ankaŭ novajn laborterenojn. Hodiaŭ vi ricevis laborplanon, kiun ni ĉefe jam diskutis en 1969 (Avignon). Ĝi donas vastajn eblecojn por labori. La ĉefkomitatano petas sendi korespondaĵojn ĉiam al la kompetenta persono, ekz. al la sekretariejo, kiam la estraro estas koncernita, aŭ kio koncernas nur la komitaton, sendu al ĉefkomitatano.

Li dankas al Barnickel pro la granda kelkjara laboro en gvidado de la statuta komisiono, same dankas pro la trovita presmetodo en Germanujo, kiu ebligis mirinde malaltajn elspezojn por la eldono de la statuto.

Li admonas la komitatanoj aktive influi la iradon de IFEF. Se la interna disciplino bone funkcias, ankaŭ funkcias IFEF. Ĝi donas al ĉiuj samajn eblecojn kaj rajtojn.

Voĉdono pri la raporto: 23 por, — kontraŭ, 1 sindeteno.

4. *Diskuto budĝeto 1974*

Kasisto: Starigo de budĝeto pli kaj pli malfaciliĝas, ĉar la prezaltiĝoj galopas. Klarigas la disdonitan budĝeton. Atentigas, ke apenaŭ alia internacia organizo sukcesas plenumi sian laboron kaj eldoni sesfoje jare interesan revuon por tia bagatela kotizo de 5 sfr. Laŭdas la estraron, ke ĝi daŭre helpas respekti la budĝeton. La prezidanto klarigas, ke oni ne profetu

la evoluon. Kontraŭ la ĉiea inflacio ni estas senpovaj. Ni provizore kolektis «fonduson» pro sekureco. Kiam ĝi estos ŝrumpinta ĝis punkto, je kiu oni devos antaŭvidi malagrablaĵojn, ni devos plialtigi la kotizon, tio povos daŭri unu, du, kvin jarojn. Entute la financa stato estas sana.

6. *Eksteraj rilatoj*

Kelkaj landoj havas plej bonajn rilatojn al *FISAC*. La prezidanto korektas la opinion, ke IFEF estas membro de la FISAIC. Laŭ statuto de la FISAIC nur unuopaj kulturaj grupoj povas esti membroj pere de siaj landaj FISAIC-sekcioj. Precipe gravaj estas la raportoj al la FISAIC-sekcioj, ĉar kiel konate, la Esperanto-sekcioj apartenas al la plej aktivaj grupoj. Sed sen raportoj FISAIC nenion ekscias pri tio.
La pola landa asocio de IFEF rajtis membriĝi al FISAIC kiel ĝis nun sola pola grupo. Estus agrable, se ankaŭ en Hungarujo baldaŭ povus sekvi similia paŝo.

*Rilatoj al UEA* estas same bonaj. *D-ro Bàcskai kiel komitatano A* de UEA: En UK Beograd antaŭvideble okazos du fakprelegoj. Instigas al fakdelegiteco. Akcentas, ke UEA grave taksas la fakan laboron. *Greutert kiel komitatano B de* UEA mencias, ke la unuan fojon okazos en Beograd, ke fervojisto prelegos en la kadro de la Somera Universitato.

Greutert petas precipe tiujn landajn asociojn, el kiu ĝis nun neniu estas fakdelegito fervoja, ekagi sur tiu tereno.

*B. Plenkunsido*

Post salutvortoj estas honoritaj la mortintoj. Sekvas laŭtlegado de salutleteroj kaj telegramoj.

La prezidanto oficiale komunikas jenon:
— alelektiĝis du novaj junularaj kromkomitatanoj, nome:
Werner Heimlich (Germanujo) kaj Gérard Horn (Francujo)
— estas reelektita por denove du jaroj ĉefkomitatano Kurt Greutert
— ricevis la arĝentan medalon de la FISAIC la dana kolego Kristoffersen sen
— fariĝis honora membro de IFEF la dana kolego Kensing
— ricevis honoran donacon la dana kolego Thorstedt.

La prezidanto traktas la problemon *«Informado»*. Eĉ ĉe kleruloj mankas scioj pri nia afero. Li citas 4 principojn (laŭ la germana instruisto Behrmann):
a) Ni ĉiuj ĝis nun tro multe «kirlis en la propra kaĉo».
b) Ni ne sufiĉe klarigis niajn intencojn kaj celojn al la publiko.
c) Ni tro longe subtaksis la informvaloron de la amaskomunikiloj.
d) Ni tro malgrave konsideris la kontaktojn al la popolo.

Ni ne uzu reklamsloganojn, sed singarde apliku objektivajn argumentojn. La *primara celo* en dialogoj ne estus la «aĉetdecido» (lerni la lingvon), sed interesigo, agnosko, morala subteno kaj amika sintenado de la informita persono. Ni bezonas «varmegan draton» al ĵurnalistoj. Artikoloj (loke «frizitaj») ofte estas akceptitaj, kun foto trioble efikaj

Ĉeestas 23 voĉdonrajtaj komitatanoj: *Aŭstrujo:* Scharf, *Belgujo:* de Sutter, *Britujo: mankas, Ĉeĥoslovakujo:* Helmeszyova, *Danlando:* Haŭge, *Finnlando:* Narvala, *Francujo:* Delaquaize, Motto, *Germanujo:* Grass, Brandenburg, Schrapp, Lepke, Schindler, *Hispanujo:* Gimenez, Oliveras, *Hungarujo:* D-ro Bàcskai, D-r Phersy, *Italujo:* Gimelli, *Nederlando:* Labordus, *Norvegujo:* Næss, *Svedujo:* Rausek, *Svislando:* Greutert, *Kromkomitatanoj:* Heimlich, Horn.

En la *voĉdonoj pri kongresproponoj* ankaŭ estas nombrataj la *skribe* senditaj voĉesprimoj de Polujo kaj Ĉeĥoslovakujo

4. La komitato konfirmas la elektitajn gvidantojn de la Junulara Sekcio, *Gérard Horn*, Francujo per 20 voĉoj por, 3 sindetenas, — kontraŭ de la Terminara Komisiono, *Ludoviko Sekereŝ*, Jugoslavio 23 por, — kontraŭ.
La prezidanto dankas al la ĝisnunaj gvidantoj, precipe al la longjara gvidanto de la Terminara Komisiono, kiu pro deĵoraj kaŭzoj ne povis viziti ĉi tiun kongreson. Dum pli ol 15 jaroj li gvidis la terminaran laboron de IFEF kaj la grandparte pozitivan evoluon oni vastskale povas danki al Ritterspach. Sekretarioj por TK kaj FK ne jam estas elektitaj. La gvidantoj provizore mem faros la laboron. Ĉar estis 2 kandidatoj por tia funkcio, elekto nur skribe eblos. Post kelkaj semajnoj sekvos konfirmo al la ĉefkomitatano.

5. La Kasisto laŭtlegas la resumon de la jarraportoj, kiu poste estas distribuita al la komitatanoj kaj aperos en IF. Aplaŭdo.

Denove bonege ĝi estas kompilita kaj la prezidente kore dankas al Walder pro tiu akurata faraĵo.

6. *Raportoj de estraranoj*

La komitato akceptas la raportojn de Sekretario, Redaktoro kaj Kasisto, ĉiuj aperigitaj en IF, per 23 voĉoj unuanime.

*Jüstrich* laŭtlegas la kasrevizoran raporton. La revizoroj ĉion trovis en bona ordo, dokumentojn same. La komitato per 23 voĉoj akceptas la raporton. Pr dankas al la revizoroj.

7. *Raportoj de komisionoj*

7.1, 7.2 kaj 7.3 raportas pri sia laboro la gvidantoj de TK, FK kaj JS. La raportojn bonvolu legi en *«Internacia Fervojisto»*.

7.4 Sekvas komitatano A de UEA *D-ro Bacskai:*

Mi vidas kiel mian taskon ĉefe plibonigi la kontaktojn kaj informi pri nia faka laboro. Al tio servas la kontaktkunvenoj en la UK kaj la fakprelegoj.

La prezidanto aldonas, ke estas honoro por IFEF povi prelegi en la Somera Universitato, ĉar tie nur rajtas prelegi tiaj personoj, kiuj ankaŭ rajtas prelegi en ĝeneralaj universitatoj.

*Paŭzo*

Post la paŭzo ne ĉeestas la Redaktoro kaj Gimelli.

8. *IFEF-kotizo* La komitato decidas unuanime (22 voĉoj), ke la kotizo por la jaro 1974 restos la sama kiel ĝis nun, nome 5 sfr jare.

9. La komitato akceptas la budĝeton por 1974 per 23 voĉoj (Gimelli reveninta).

10. *Organizaj aferoj*

10.1 *Nova landa asocio Japanujo*

Sk raportas, kiel ŝi antaŭ 5 jaroj konatiĝis kun japano en Frankfurt. Li estis kolego kaj laŭ ŝia peto fondis grupon en Japanujo. Jam la 27.7.69 okazis la unua fervojista fakkunveno kun faka ekspozicio. Poste aliĝis 4 membroj al IFEF. La 6.11.71 la unua jarkunveno. Komence de 1972 la japana sekretario aranĝis la konatan enketon pri laborkondiĉoj de eŭropaj fervojistoj. 1972 denove fervojista fakkunveno. JELF = Japana Esperantista Ligo Fervojista la 1an de marto 1973 oficiale deklaris al IFEF sian aliĝpeton.

Sk submetas la petskribaĵon al la komitato. La IFEF-statuton JELF ĝustatempe ricevis kaj skribe agnoskis ĝin.

(forta aplaŭdo) Voĉdono: 23 por (unuanime).

La prezidanto deklaras: Estas unuanime akceptita la 20a landa asocio JELF. Sk pluc raportas, ka ŝi estas invitita al la 60a japana Esperanto-Kongreso kiel oficiala gasto. Ŝi tie reprezentos IFEF-on kaj prelegos. Ĉiuj estraranoj kaj komitatanoj subskribas konfirmleteron al JELF pri la akcepto.

10.2 *Jubilea donacaĵo*

*Labordus:* FERN proponis, ke la landaj asocioj inter siaj mebroj kolektu monon. Li transdonas al la estraro 1750 sfr kiel jubilean donacon.

Pr korege dankas. Ne gravas, de kiuj landoj aŭ personoj la mono venis, sed gravas la spirito, kiu kaŭzas tiajn agojn. La estraro ankoraŭ ne konas la celon, por kiu la mono estos uzata, sed ni uzos ĝin por io daŭre valora. Kiel donacon al IFEF oni ankaŭ alkalkulu tion, kion kostis la nova IFEF-flago kaj la produktado kaj preso de la nova statuto.

10.3 *Elekto de la kasrevizoroj*

La svisa asocio proponas kiel novajn revizorojn la kolegojn Ernst Rohner, Johann Jüstrich kaj Hans Noll, kiel novan vicrevizoron Johann Lutz. Laŭstatute eksiĝas Glättli, al kiu la prezidanto dankas pro lia akurata laboro. La komitato unuanime akceptas tiun proponon (23 por).

10.4 *Kongresrezolucio*

Komitatano: En Lugano ni konstatis, ke la ĵurnalistoj deziris havi de ni rezolucion. Tio instigis nin, starigi por ĉi tiu kongreso rezolucion, kiun oni plej vaste diskonigu en naciaj lingvoj al gazetoj, al ĉiuj instancoj, kiuj informas la publikon kaj al niaj administracioj.

La prezidanto ĉi-okaze sincere dankas al la ĉefkomitatano — iniciatinto de tiu rezolucio — pro la daŭra celtrafa kunlaboro. Jen sekvas la teksto de la rezolucio:

«*La 25a Kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio* (IFEF), kiun partoprenis 502 personoj el 18 landoj, kiu ĵus akceptis la» Japana Esperantista Ligo Fervojista» kiel 20an landan asocion, kaj kiu speciale direktis sian atenton al la lingva ĥaoso en la Eŭropa Komunumo, en internacia turismo kaj en ĉiuspeca trafiko,

*konstatas,* ke turistaj kaj profesiaj pasaĝeroj de la fervojoj, kiel grava amastrafikilo, same kiel la deĵorantaj fervojistoj mem, daŭre kaj ĉie spertas lingvajn barojn, kiuj malhelpas kontaktojn al enloĝantoj de aliaj landoj kaj bremsas la deziritan kaj necesan alproksimiĝon de la popoloj en Eŭropo kaj la tuta mondo,

*atentigas,* ke simultana tradukado ja povas esti utila en certaj okazoj, sed neniel helpas en translima trafiko, *opinias,* ke pro tio la fervojaj kompanioj devus havi plej grandan intereson, kiel eble plej komplete forigi tiajn lingvajn malfacilaĵojn,

*proponas,* ĝenerale adopti por la internacia trafiko la neŭtralan, internacian lingvon Esperanto, elprovita de jardekoj,

*invitas la* fervojajn administraciojn kaj turismajn organizaĵojn, kunvoki internacian konferencon por esplori kaj solvi ĉi tiun lingvan problemon ne plu prokrasteblan».

Voĉdono: 23 por (unuanime akceptita).

11. *Kongresproponoj* (Internacia Fervojisto 1/73, paĝo 9)

*Prop 1* baziĝas sur la tagordo de Lugano.

Decido: 24 voĉoj por, neniu kontraŭ, neniu sindetenas = akceptita.

*Prop 2* (Francujo) La prezidanto principe rekomendas la proponon.

*Delaquaize:* Celo estas doni al la kongresanoj eblecon ricevi pli da informoj al la buŝo de enlandanoj.

Decido: Rekomendo al estonaj LKK-oj = 23 por, 1 sindetenas — kontraŭ.

*Prop 3 (Rumanujo)*

*Brandenburg* komprenas la motivojn. La prezidanto klarigas, ke certe estrarano el socialisma lando pli facile havos ekz aŭdiencon ĉe ministro ol estrarano el nesocialisma lando. Alia flanko de tiu propono estas, ke ni devus antaŭe multloke ŝanĝi la statuton. Li tuŝas same la voĉegalecon en la estraro, kio kondukas al novaj komplikaĵoj. Ankaŭ la IFEF-kaso suferos.

Ĉar eĉ Hungarujo ne estis informita pri tiu afero antaŭe (deklaras sindetenon), la propono en la nuna formo ne estas traktata.

La estraro klopodos trovi solvon kun helpo de D-ro Bacskai uzeblan por la estonteco.

*En tiu senco voĉdono?* 16 por, 4 sindetenas, 4 kontraŭ

*Prop 4* Ekzistas laborplano de IFEF jam de jaroj, distribuita en Avignon 23 voĉoj kontraŭ, 1 por = malakceptita

*Prop 5* Stariĝas la demandoj: *kiu* prijuĝas, raportas, kontrolas, pagas?
Post diskuto 23 kontraŭ, 1 por = malakceptita

*Prop 6* Tiu propono principe estas diskutinda. Tamen ĝi kaŭzos tiom da laboro kompare al la utilo kaj vaste transas niajn modestajn kapablojn, ke ni ne povos realigi ĝin.

21 kontraŭ, 2 sindetenas, 1 por = malakceptita.

*Prop 7* La IFEF-estraro volonte skribos, se landa asocio petos ĝin interveni, Kun tiu rekomenda «aldono» la propono estas akceptita

19 por, 1 sindetenas, 4 kontraŭ

*Prop 8* Tion IFEF ne kapablos fari. 20 kontraŭ, 3 por, 1 sindetenas = malakceptita

*Prop 9* La propono estas *kontraŭstatuta,* ĉar IFEF havas *asociajn* membrojn, apenaŭ individuajn.

ne voĉdonita.

*Prop 10* Neniu vidas utilon en la realigo de la propono

20 kontraŭ, 2 por, 2 sindetenas = malakceptita

12. *Elekto kongreslokoj* (landoj) 1974/75

*Gimenez (Hispanujo)* konfirmas la pasintjaran inviton nun definitive al Tarragona. La preparoj bone marŝas. La restado estos malmultekosta. (Aplaŭdo)

*Scharf* (Aŭstrujo) invitas provizore por 1975 al Aŭstrujo. Urbo ne jam konata. Aplaŭdo.

*Rausek (Svedujo)* Oni esploros la eblecojn por 1976 en Svedujo.

La komitato unuanime voĉdonas kun 23 voĉoj por la invitoj.

13. *Diversaĵoj*

*Narvala* (Finnlando) transdonas tute novan libron pri D-ro Zamenhof kaj ties familio al la dana landa asocio kiel jubilean donacaĵon.

14. *Libera diskutado*

v.d. *Schulp* (Nederlando) kritikas, ke ekz. pri la kongrespropono 7 estas voĉdonita en ŝanĝita formo. Tia metodo povus konduki al malagrablaj konsekvencoj, se oni pritraktas ĝin por pli gravaj proponoj.

*Scharf* (Austrujo) Ankaŭ la aŭstria landa asocio deziras prezenti jubilean donacaĵon al IFEF. Ni plialtigis nombron de niaj IFEF-membroj je 20 %. Ek de nun ni havas du komitatanojn (Aplaŭdo).

La prezidanto respondas, ke la komitatanoj estas la reprezentantoj de siaj landaj asocioj kaj devas havi la eblecon

nedecidi, prokrasti aŭ aldoni (kio ne signifas ŝanĝon).

*Labordus* (Nederlando) Kelkaj komitatanoj (ekz la francaj) havos fiksitan mandaton, aliaj estas pli liberaj.

La prezidanto opinias, ke la persona respondeco de la komitatanoj estas laŭ la senco de la statuto.

Sekretariino
E. Kruse

Prezidanto
J. Giessner

*D-ro Werner Bormann:*

# Europa fervoja politiko en la komuna merkato

*Noto: La parolinto estas direktoro de la departemento pri ekonomio kaj trafika politiko en ministerio de la germana federacia lando Hamburg kaj instrukomisiito por Esperanto en la universitato Hamburg.*

1) La ekonomia integriĝo kiel kadro por la trafiko.

La Komuna Merkato estas ekonomia unuiĝo de origine ses ŝtatoj, Belgio, Francio, Germanio (Fed. Resp.), Italio, Luksemburgio kaj Nederlando, ekde 1958 kaj de entute naŭ ŝtatoj ekde 1973 post la aliĝo de Britio, Danio kaj Irlando. Ĝia celo estas la integriĝo de la naŭ ekonomioj, do kompleta kunfandiĝo, ne nur simple la sumo de memstare restantaj unuoj. Tial la membroŝtatoj cedis suverenajn rajtojn al la komunaj instancoj, kiuj do faras Eŭropan ekonomian politikon. Unu el la paŝoj estas forigi la doganojn. Per doganoj la ŝtatoj kutime ŝarĝis importitajn varojn por protekti la hejman produktadon. En la sendogana tereno de la naŭ ŝtatoj la varoj el la kunmembroj, nun sen la ŝarĝo, estas pli malmultekostaj, kaj ĉiuj inklinas komerci en la Komunumo. Ĉar la tereno de la naŭ ŝtatoj estas granda kaj multo da varoj je dispono, la interna komerco de la Komunumo kreskas forte. Tiu kresko okazas je malfavoro de la komerco kun nemembraj ŝtatoj, kiujn la kontrakte aŭtomata kungluiĝo de la membroŝtatoj diskriminacias. La efiko sur la trafiko estas multe pli da laboro por la enlandaj transportiloj kaj ne tiom multe pli por transportiloj, kiuj servas la mondvastan trafikon.

La forigo de la protektado por enlandaj fabrikoj signifas meti ilin en akran konkurencon, nome kun tiuj fabrikoj en la Komunumo, kies produktoj antaŭe estis plimultkostigitaj per la doganoj. Tiun konkurencon eltenas nur tiuj fabrikoj, kiuj povas malmultekoste oferti. Unu el la kaŭzoj por malmultekosta laborado estas amasproduktado. Estas atendeble, ke en la Komuna Merkato la produktado koncentriĝas por ĉiu ajn varo ĉe malmultaj grandegaj uzinoj, la plej kapablaj. Kompreneble tio signifas, ke multaj ne sufiĉe fortaj fabrikoj devas forlasi la merkaton. Do La Eŭropa Ekonomia Komunumo atingas per sia politiko labordividon surbaze de la elektoproceso de la merkato, nur metante la kondiĉojn (kion alia ekonomia unuiĝo, La Konsilantaro por reciproka ekonomia kunlaborado de la socialismaj landoj, atingadas per ŝtataj interkonsentoj). Se ne plu granda nombro da ĉie troviĝantaj fabrikoj vendas al proksimaj konsumantoj, sed malmultaj tre grandaj estiĝas multe pli da transportado. Antaŭe la multaj fabrikoj servis ĉiuj al po unu regiono, ofte la tereno de la propra lando. Nove la kelkaj gigantoj atingas siajn klienfojn nur per pli longaj veturoj multfoje trans la limoj inter la membroŝtatoj. Tio estas neeviteble ligita

al la Komunumo. La EEK tial estas ankaŭ unuiĝo de la multa transportado sur sia tereno, ĉefe la longdistanca. Tiu evoluo estas interesa por la fervojoj, ĉar ili estas landtransportiloj destinitaj por pli longaj distancoj. Tial la integriĝo necesigas altkapablan fervojan sistemon, kaj la kunfandiĝo dependas de sia trafiko. Do la fervojoj ricevis novan grandan ŝancon pro la EEK stabiliĝi la signifon kiel moderna transportilo.

2) La komuna trafikpolitika celo kaj la naciaj interesoj.

Ekonomia unuiĝo devas zorgi pri sia transportbranĉo, ne nur pro la graveco de transportado, sed ankaŭ ĉar la trafiko estas esenca parto de la ekonomia vivo. Tial la Komunumo tute prave antaŭvidas komunan trafikpolitikon. Laŭ la ĝenerale liberalaj konceptoj de la Komunumo tiu politiko estas principe bazita sur justa konkurenco, tio estas egalaj eliraj pozicioj por ĉiu partoprenanto. La ekzistantaj ŝorĝoj tial devas esti harmoniigitaj. Sed tiu komuna trafikpolitiko bezonas tempon. Aliflanke la varinterŝanĝo rapide liberiĝas kaj volas tuj utiligi la servojn de la trafikiloj. Tial sendepende de la longtempa trafikpolitiko kun ĝia harmoniigo por la trafikpolitiko metiĝas la urĝa celo de sampaŝa liberaligo en la translima transportado. Sed se oni rapide liberaligas, oni ŝovas trafikilojn en konkurencon, por kiu ekzistas malsamaj antaŭkondiĉoj manke de harmoniigo. Fakte por justa politiko necesus unue tiu harmoniigo kaj poste eblus liberaligo. Sed la realo de doganunuiĝo postulas la inversan sinsekvon.

Tio kunportis gravajn komplikaĵojn. Ili ĉefe sentiĝas en la trafiko de eksport- kaj importvarojn al kaj el la havenoj, ĉar tie la sama transportspeco okazas jen en nur unu lando, jen en pluraj landoj de la Komunumo. En la kamiontransporto de germana produktejo la tuta vojo al germana haveno estas ŝarĝita de la oleimposto valida en Germanio, dum survoje al belga aŭ nederlanda haveno la kamiono kun varoj el Germanio uzas en tiuj landoj la multe malpli ŝarĝitan dizeloleon sur 170 km de la vojo, kio konsekvence ebligas pli malkaran transporton, je sama distanco, depende ĉu estas enlanda aŭ translima transporto. La entreprenata liberaligo plivastigas la laborkampon por translima trafiko, dum harmoniigo de la impostoj mankas. La diverseco de opinioj ankaŭ aperas en samcelaj fervojaj transportoj. Havendirektitaj varoj tre volonte iras la malmultekostan vojon per riverŝipo sur la Rhein. Aplikante normalajn tarifojn la fervojoj ne povus konkurenci kaj tiri almenaŭ parton de tiu ampleksa transportado sur sin. Nur kiam la fervojoj kalkulas siajn tarifojn sur la bazo de la riverfrajto, ili povas kunagi en la konkurenco. Tiel estiĝis specialaj tarifoj por haventransportoj. Sed nun la rivero Rhein kondukas al Rotterdam, dum la germanaj ŝtatfervojoj, interesitaj transporti la varojn sur longaj distancoj, emas veturi al Bremen aŭ Hamburg. Tio aspektas, kvazaŭ germanaj fervojoj favorus germanajn havenojn. Liberaligo, t.e. samrajteco inter enlandaj kaj translimaj transportoj, devus malebligi nacie orientitan politikon. En tiu kazo ne estas nacia prefero en la fervoja haventarifo, sed la fervojoj envere faras tiajn transportojn en la propra intereso surbaze de ekzistanta konkurencrilato. La Eŭropaj instancoj plendis, ke konkurenco povas ekzisti nur inter du transportiloj paralele veturantaj. Sed evidente ekzistas ankaŭ konkurenco inter vojoj kun po unu transportilo, nome inter la riverŝipo al Rotterdam kaj la fervojoj al Hamburg. Ne ĉio, kio aspektas kiel

nacia prefero kaj kio estas ofenda al la liberaligo, vere estas tia sinteno, kaj en EEK intensaj diskutoj nun florantaj antaŭiras la decidojn, jam en la plej unua paŝo de la komuniĝo.

3) La intencoj de la Komunumo rilate la fervojojn.

La multaj problemoj pro la kunmetado de naŭ sistemoj ĝis nun malebligis solvojn aŭ la komencon de solvoj escepte en kelkaj tre urĝaj taskoj. La transporto ne jam apartenas al tiuj kampoj, sur kiuj progresoj estas gravaj. Fakte la disputoj estiĝantaj el la antaŭtirita liberaligo, je kostoj de la necesa sed nun ne atingebla harmoniigo, tiel ŝarĝas la trafikpolitikon, ke ĝi entreprenis nur siajn unuajn paŝojn. Tio ankaŭ validas por la forvojoj. Ili aldone suferas, en la unuopaj landoj, pro siaj premaj financoproblemoj, kio malfaciligas kunordigitan solvon. Ĉar la politiko de la Komunumo principe estas liberala kaj tiu principo ankaŭ aplikiĝu en la transportmerkatoj, justa konkurenco estas necesa. Se trafikiloj konkurencu inter si sur la bazo de kostoj, estas la unua devo, fari subvenciojn kaj kostojn travideblaj. Por tio necesas havi ĉie saman librotenadon kaj kostkonstaojn. Kaj se por la unuopaj ŝtatfervojoj validu samaj reguloj, same necesas havi pri ĉiuj bildon pri la ekonomia stato surbaze de paŝoj survoje al komuna politiko. Kaj devas sekvi egaligo de tiuj kontoj, do montransdono al la fervojoj, por tiuj transportoj, en kiuj ili portas specialajn ŝarĝojn en la konkurenco. La dua paŝo post tio estas decidi, kiuj eroj en la kalkuladoj apartenas al la trafikinteresoj de la fervojoj kaj kiujn deficitigajn taskojn la fervojoj faras ne kiel entreprenisto, sed kiel ŝtata servo submetita al la komunutilaj publikaj devoj. La Komunumo tial deklaris, ke tiaj ŝarĝoj, realigitaj por la fervojoj en la devoj transpori, veturi kaj apliki sian ĝenerale konatan tarifon, devus esti financitaj de la interesulo, la ŝtato mem. Tio jam estas delonge diskutata, parte eĉ leĝe antaŭvidita, sen ke tute kontentiga solvo estis trovita.

La EEK montras, ke ankaŭ ĝi volas iri en tiun direkton. Tiu volo de la Komunumo certe pliofitigas naciajn intencojn kaj zorgas, ke almenaŭ ili pli rapide aplikiĝos. Tiel ekonomie reordigitaj ŝtatfervojoj kun harmoniigitaj konkurencrilatoj kaj — kondiĉoj povus pli poste formi la Eŭropan fervojan sistemon, por kiu hodiaŭ ekzistas nur antaŭformoj aŭ partaj unuiĝoj, kiuj tamen jam videbligas la grandajn eblojn de komuna transportlaborado.

4) La konkurenco en trafikmerkato transpaŝanta limojn.

La deklaritaj intencoj por la fervojoj estas evidente parto de trafikmerkato, sur kiu decidu la konkurenco inter la trafikiloj. Por ke ili ĉiuj povu konkurenci, iliaj ofertoj devas baziĝi sur efektivaj kostoj. Ĉar se ekzemple la kamionentreprenistoj ja pagus plene por la veturilo, dizeloleo kaj ŝoforo, sed ne komplete sian parton de la kostoj por la vojo, dum la fervojoj devus pagi ĉiujn siajn kostojn inkluzive de la vojo, tiam la kamionoj povus facilege oferti pli malmultekostajn servojn kaj povus elstari en la konkurenco. Esenca parto de trafikmerkato, en kiu ne la ŝtato direktas la unuopajn paŝojn, sed sur kiu regas la konkurenco pro la ekonomia memintereso, estas la justa ŝarĝo de ĉiu trafikilo per ĉiuj siaj kostoj, inkluzive de tiuj de la vojo. La elkalkulado de tiuj kostoj tial estas speciale interesa. Bedaŭrinde tiu kalkula problemo montriĝis nesolvebla el pluraj kauzoj, Unue estas neeble taksi tiun parton de la trafikvojoj, kiu servas ne al transport-

ado, sed al aliaj celoj, ekzemple en la kazo de kanaloj la irigacia valoro, ĉe stratoj ilia uzado por piedirantoj. Due estas neklare, ĉu kostoj estas la jaraj budĝetaj elspozoj aŭ la deprezoj. Trie la kalkulo de intereso sur la investita kapitalo en formoj de vojoj profunde influas la tutan kalkulon laŭ la aplikita procentaĵo.

Sed se oni malgraŭ ĉio kapablus difini la kostojn de la strato, estiĝas la problemo, kiel ŝarĝi la diversajn veturilojn, la personaŭtojn kaj la kamionojn, inter ili la malgrandajn kaj la grandegajn. La sole ekzistana esploraĵo pri la rilato inter ili, la ŝosetesto de la Usona asocio de ŝtatŝoseaj oficialuloj (Aasho), atribuas al la peza kamionakso la dekmiloblan detruprovon sur la ŝosesurfaco kompare kun la personaŭta akso. Se tio eĉ nur parte estus la bazo por la pago de la kostoj por la vojo fare de la kamionentreprenistoj, la pagoj de ili al la ŝtato, kiu konstruas la ŝoseojn, devus esti pli altaj. La ŝtato prenas monon de siaj civitanoj en formo de impostoj, kaj por pagigi veturantojn altrudiĝas la oleimposto. Ĝi do devus esti multe pli alta por la dizeloleuzantaj kamionentreprenistoj. Sed ĝi estas tre malalta en Nederlando kaj en Belgio. Kio necesas estas harmoniigo. Tiam la kamiontransportado fariĝus pli multekosta, kaj la entreprenistoj devus pludoni tiujn ŝarĝojn en formo de pli altaj tarifoj al la klientoj. Pli altaj trajtoj sur la stratoj ebligus al la fervojoj ankaŭ postuli pli altajn enspenzojn kaj tiel rimarkeble bonigi sian financan situacion. Sed tio ne eblas, ĉar nur nacia reguligo en la Komuna Merkato ne estas plu ebla. Ĉiuj membroŝtatoj devus kunagi, kaj fakte la Eŭropaj instancoj ankaŭ jam proponis plialtigon de la mineralolea imposto, diversgrade en la unuopaj ŝtatoj, por atingi nivelon pli malpli saman en ĉiuj ŝtatoj, ne tiel forte kiel pravigeble, sed tamen konsiderinda plialtigo por kelkaj ŝtatoj.

En komunumo paŝoj kiel tia nur eblas, kiam ĉiuj membroj kunagas. En tiu afero rezistas la nederlandanoj, por kiuj la ŝosetransportado estas speciale grava branĉo de la tutlanda ekonomio en la lando mem kaj en la najbaraj ŝtatoj, al kiu domaĝi per plialtigitaj kostoj ili al neniu permesas. Tial harmoniigo de la oleimposto, kvankam proponita de la EEK, nun ne eblas. Pro tio la kamiontarifoj restas relative malaltaj, kaj tamen la entreprenistoj, pro favoraj kostoj, profitas, do ili, el sia vidpunkto, ĝuste agas. Tio devigas al la aliaj landoj, ankaŭ doni al siaj kamiontransportistoj la eblon de malkaraj ofertoj, por ke ili ne estas pelataj el la merkato de la nederlandanoj. Tio nun siavice devigas la fervojojn al malaltaj tarifoj, kaj ili ne povas forigi siajn deficitojn. Sed la tuta dilemo estas eĉ pli komplika. La riverŝipado sur la Rhein estas libera de ŝarĝoj surbaze de kontrakto («akto») de Mannheim el la jaro 1868, kiun ŝanĝi neniel eblas sen la aprobo de ĉiuj subskribintaj ŝtatoj, inter ili Nederlando, sed ankaŭ la EFK-nemembro Svisio. Se la rivero Rhein estas senŝarĝa, ankaŭ paralelaj fervojoj kaj stratoj devas esti senŝarĝaj aŭ havi ŝarĝojn por la vojo, kiuj estas minimumaj. Kaj se tiu tuta vojaro en la Rhein- valo estas libera de ŝarĝoj por la vojoj, aliaj vojoj same ne povas esti ŝarĝitaj, por eviti al tie situantaj regionoj malfavoron. Antaŭ tiu problemego la komuna trafikpolitiko de EEK esta nun bremsita.

5) La ebloj de fervoja politiko en plurŝtata unuiĝo.

Ĉar la Komunumo nur relative malmulte aktivas sur la kampo de trafikpolitiko kaj tamen reguligoj estas necesaj, la

neciaj registaroj devas agi por doni ordon al sia trafiko. Tio estas stranga eldiro en la epoko de la Komuna Merkato, sed tamen realisma. Estas nun necese entrepreni nacie nur tiajn paŝojn, kiuj nur malhelpas al komunaj celoj, kiam estos eble al la Komunumo esti pli aktiva en sia transportbranĉo. Kaj agi estas necese pro la grandaj financaj problemoj, antaŭ kiuj troviĝas ĉie la ŝtatfervojoj. Oni povus nun forte akcenti la komunutilan celon de trafikado kaj postuli de la ŝtatoj subvenciojn. Helpe de subvencioj vivias kelkaj branĉoj de la ekonomioj, ekzemple la agrikulturo kaj nun ankaŭ la karbminejoj. Se laborlokoj estas en danĝero, ofte la ŝtato inklinas al helpado. Sed tio nur mildigas aktuelajn zorgojn. Ofte tio neekonomia sinteno kondukas al malkontentiga situacio, por la branĉo entute kaj por ĉiu homo laborante en ĝi. Tial estas preferinde, en la kazo de la trafiko sekvi la vojon indikitan de la Komunumo kaj solvi la problemojn sur ekonomia bazo.

En la kazo de la fervojoj tio signifas pluan klopodadon pri raciigo. Tio ne povas esti afero de la unuopa laboranto, kiun pli forte premi kontraŭas al modernaj laborkonceptoj. Ankaŭ raciigo estas trafikpolitika tasko, kaj fari la politikon estas la laborkampo de la ŝtato. Do tio signifas, ke la ŝtato devas kuraĝe meti tiajn kondiĉojn, sub kiuj la fervojoj povas plenumi sian transporttaskon sen ŝarĝi la ĝeneralan budĝeton. La ŝtato devas klare diri, en kiuj partoj de la lando fervoja servo estas necesa kaj kie aliaj transportiloj povas, el vidpunkto de kostoj, pli bone servi al la bezonoj de ekonomio kaj enloĝantoj. La fervojoj estas en multaj rilatoj la plej adekvataj transportiloj, kaj tie aktivi estas tiel granda tasko, ke ĝin plenumi jam estas la sufiĉa kontribuo de la fervojoj al la ekonomio. Nun, en la epoko de integriganta granda parto de Eŭropo, la fervojoj ricevas novan dimension en sia transporttasko, kaj tio nepretervideble substrekas ilian grandan signifon donante al ili la eblon de koncentriĝo al tiuj transportoj nun sur la pli vasta tereno, por kiu sole ili estas destinitaj. Tiun ŝancon la fervojoj kaptu por venki, helpe de la nova komunumo, postrestintajn ĝenojn. Tiam ili estas la trafikilo de la estonteco.




# ADMINISTRAJ INFORMOJ

**La jubilea kongreso nun estas malantau ni**

kaj LKK esperas ke vi ĉiuj hejmvenis kun bonaj memoroj pri nia 25-a kaj bonaj impresoj de nia lando, — ni ankaŭ esperas ke vi ricevis novajn impulsojn por via estonta laboro kaj por IFEF kaj por via landa asocio.

La gekongresanoj vizitis nian landon ĵus kiam la naturo portis sian plej belan printempan vestaĵon, speciale la fagarboj kiuj jam nun ŝanĝigis la koloron al pli malhelverda.

Mi dankas vin ĉiujn por via ĉeesto kaj ĝojiĝis ke tiom multaj venis al Århus por festigi nian jubilean kongreson.

La honoriĝon de mi flanke de IFEF kaj la honordonacon flanke de la Århusa turist-societo mi alte taksas kaj por tiujn mi varme dankas. — Mi konsideras la honoriĝojn ankaŭ kiel dankon al miaj kunlaborantoj dum la 25 jaroj kaj dum

la kongresa laboro por nia 25-a. Pro tio mi ĉi tie volas direkti sinceran kaj varman dankon al ĉiuj, eksterlande kaj enlande, kun kiuj mi kunlaboris, sen helpo mi ne sukceis. *Ingvard Kensing.*

## Grave — Grave — Grave

Gazeteltondaĵoj ĉu esperantlingve ĉu nacilingve estas ege dezirataj kaj de LKK kaj de nia turistoficejo. Pro tio mi petas al la legantoj: Ĉion kion vi legis pri nia 25-a kaj/aŭ pri Århus mi petas vin sendi al ni.

Ingvard Kensing
Assensgade 18
8000 Århus C.
Danlando.

## Ciferoj pri la 25-a

Aliĝis 509 el 19 landoj.

11/5 gazetara konferenco: 3 jurnalistoj kaj 1 reportanto de la regiona radio.
12/5 interkona vespero: ĉeestis 452.
13/5 ekumena diservo: ĉeestis pr. 300.
13/5 solena malfermo: ĉeestis pr. 500.
13/5 kongresa bankedo: ĉeestis pr. 364.
13/5 urba rondveturado: ĉeestis pr. 500.
13/5 faka prelego de d-ro Bormann: ĉeestis 122.
13/5 kongresa balo: ĉeestis 500.
14/5 nepublika kunveno: ĉeestis 43.
14/5 publika kunveno: ĉeestis 118.
14/5 kunveno terminara komisiono: 13.
14/5 kunveno junulara sekcio: ĉeestis 46.
15/5 faka ekskurso: ĉeestis 125.
15/5 vizitoj: FDB 48, teknika lernejo 51 kaj taĝurnalo 54.
15/5 kunveno fakprelega komisiono: 5.
15/5 kunveno por veteranoj: 81.
15/5 urba akcepto: ĉeestis 500.
16/5 tuttaga ekskurso: ĉeestis 354.
17/5 plenkunsido: ĉeestis 158.
17/5 folklora vespero: ĉeestis 450.
18/5 informoj pri la 26-a kaj faka prelego: ĉeestis 188.
18/5 duontaga ekskurso: ĉeestis 316.
18/5 FISAIC-vespero kaj fermo: ĉeestis 500.

*

En n.ro 1/1973 staras erare sur paĝo 12 ke la afrankokostoj por IF dum 1972 estis fr. 788.85, la korekta monsumo estas fr. 988.85.

*

*Jubilea kongreso antaŭ ni*
en artikolo sub tiu titolo en n.ro 2/1973, bedaurinde farigis erare, devas stari: Paĝo 19, linio 15 de supre, dekstra kolono:

«Sed la IFEF-kongresoj de komence havas specialajn taskojn, kiujn neniaj aliaj kongresoj povas plenumi».

Paĝo 20, linio 1 de supre, dekstra kolono:

«Dum la 10a kongreso ankaŭ «juniĝis» la IFEF-estraro, kiam la neforgesita prezidanto Stapel kun la kolego Biesheuvel kaj Drijfhout forlasis la estraron!»

*

*Vojaĝontoj al Ĉeĥoslovakio* povas akiri de nia bankkonto en Praha tute legale kaj favorpreze ĉeĥajn kronojn. Kontaktu sufiĉe frue la IFEF-kasiston. O. Walder, CH-8590 Romanshorn.

*

*Adoptu IFEF-membrojn* en nepagipovaj landoj. Deviz-baroj ankaŭ al IFEF malhelpas plenan aliĝadon de kolegoj en devizmalhelpataj landoj. Solidareco neniam estis fremdvorto en nia federacio, ree kunhelpu nun pligrandigi tiun fonduson. Kontribuojn akceptas la landaj kasistoj. Bonvolu nepre skribi al ili, ke vi pagas por la adopta fonduso IFEF. Antaŭdankon.

*

*Afiŝo de IFEF.* Eta provizo de tiu grandformata, efika afiŝo troviĝas ĉe la IFEF-kasisto. Modestan kvanton ni sendas senpage, kontraŭ kompenso por la afrankokostoj. Mendu ĉe la IFEF-kasisto.

## Nekrologoj

Nia svisa landa asocio perdis du fidelajn membrojn la 1.12.1972
**ERNST WÜTHRICH** el Zürich
la 12.2.1973
**EDVARD GRAF** el Teufen.
La 15.4.1973 perdis nia amiko
**MILOSLAV BLAZEK** el Česka Trebova Ĉehoslovakio SIAN EDIZON
Ŝia forpaso lasas malplenan lokon al la edzo kaj al la filino Zdena.
En francio nia amiko
**ROBERT COYAC** perdis la patron.
**LA BONKONATA «JOSEFO»**
ĉeestis multajn IFEF-kongresojn. Li ĉiam estis bonhumora kaj ni bedaŭras ke li ne plu povas esti inter ni.
ILI RIPOZU EN PACO!

## Protokolo pri la simpozio „20 jaroj da agado por Esperanto"

Okoze de sia 20a jaro, la Esperantista Kulturdomo en kastelo Gresillon, Francio organizis simpozion, kies celo estis kunigi kaj konigi la klopodojn de ĉiuj internaciaj Esperanto-organizoj. Partoprenis ankaŭ la estraro de IFEF.

Dum tiu simpozio, sinsekve parolis reprezentantoj de la jenaj organizoj: Universala Esperanto-Asocio, Sennacieca Asocio Tutmonda, Internacia Katolika Unuĝigo Esperantista, Mordpaca Esperantista Movado, Internacia Fervojista Esperanto-Federacio. Krome, la ĉeestantoj aŭdis prelegojn pri la Esperantista Kulturdomo, pri la lingva problemo en Belgio, pri la nunaj problemoj koncerne la atakojn de la homaro kontraŭ la naturo, kaj pri la historio de la urbeto Baugé, kie staras la Eesperantista Kulturdomo.

Tiu programo, kompletigita per ekskursoj al diversaj interesaj vidindaĵoj de la Anĵua regiono, donis sufiĉe amplekSan panoramon de la ĝenerala vivo en Esperantujo.

La organizoj kiuj sendis reprezentantojn donas relative bonan spegulon de la tuta Esperanto-movado, kaj la ĉeestantoj povis ekkoni plej diversspecajn asociojn kun malsamaj rimedoj kaj ŝajne malsamaj celoj:

— «Universala Esperanto-Asocio, fondita en 1908, estas ĝenerala asocio neŭtrala «rilate al nacieco, raso, religio, politiko kaj sociaj problemoj»: ĝia celo estas informadi pri Esperanto, daŭrigi la tradicion de la Universalaj Kongresoj, kaj kunigi ĉiujn eblecojn de instruado kaj kulturaj aktivecoj por disvastigi la Lingvon Internacian. Tial U.E.A. opinias same gravaj varbi novajn esperantistojn por kreskigi la esperantlingvan komunumon, kaj montri al la oficialaj instancoj la utilecon, kaj eĉ la necesecon, de internacia lingvo».

— «Sennacieca Asocio Tutmonda, decide neneŭtrala, laboristtendenca, sed ne partipolitika, kaj eĉ eksplicite kontraŭdogma, estas sennaciece organizita, kun nur individuaj membroj. La plej avangardaj flegas la doktrinon sennaciismo, kies ĝermoj estis jam en ideoj de Zamenhof kaj Hodler. La laboristaj asocioj varbas kaj instruas; S.A.T. strebas enfaktigi nian aferon. La ideo «Internacia Lingvo» estas kerne revolucia; ĝi nature kontraŭas naciismojn. Ni ne tro kredu je ŝtatojprovidencoj; ni agu mem!»

— «Mondpaca Esperantista Movado sin prezentas kiel Esperanta ero de pli ĝenerala movado por mondpaco. Ĝi apelacias al ĉiuj esperantistoj, kia ajn estas ilia nacieco, raso, aŭ filozofio, batali konkrete, kune kun neesperantistaj porpacaj organizaĵoj, kontraŭ la imperiistaj intrigoj, por likvido de nuntempaj konfliktoj, por paca kunvivado kaj por ĝenerala malarmado».

— «Internacia Katolika Unuiĝo Es-Federacio laboras ĉefe sur faka tereno kaj kunigante la katolikajn esperantistojn kaj akcentante la komunan celon de la katolikoj kaj de la esperantistoj al reciproka amo de ĉiuj homoj. Ĝia agado estas duobla, por Esperanto en la katolikaj medioj, por la katolika kredo inter la esperantistoj».

— «Internacia Fervojista Esperanto-Federacio laboras ĉefe faka tereno kaj tiel povas utili al la diversaj esperantistoj dum iliaj vojaĝo kaj montras la utilecon de Esperanto en faka laboro, kiu estas nepre internacia laŭnature. Elstara celo estas traduko de seslingva oficiala terminaro de la eŭropaj fervojoj en Esperanto por tiel kontribui al unueca fervojista faklingvo sur monda nivelo».

Per tiu nura kaj rapida skizo de la ĝeneralaj ecoj de tiuj organizoj, oni tuj vidas, ke komuna celo ekzistas. Ĝi konsistas el ĝenerala klerigado, per universala vido de nia mondo, kaj el lukto kontraŭ la disigantaj fortoj kaj helpo al la kunigantaj fortoj de tiu mondo. Sed tiu simpozio montras ankaŭ la grandan diversecon de la rimedoj proponitaj, diverseco kiu tute simple spegulas la naturan diversecon de la homaro, kies anoj havas ĉiujn diversajn pensmaierojn.

Evidentiĝis, ke tiajn utilajn simpoziojn devus pli ofte organizi la Esperantista Kulturdomo, kies loko montriĝas tiucele oportuna forumo.

*J. P. Guillot*

# Anoncoj

PACPLENA ESPERANTO-SEMAJNFINO MEZE EN LA BATALKAMPO DE WATERLOO 29.—30.9. + 1.10. 73

Le Belga Esperanto Fervojista Asocio organizos sian jarkunsidon 1973 en la monaĥinejo de FIRCHEMONT situita meze en la batalkamparo de WATERLOO.

Se vi ŝatas historiplenan kaj agrablan longigitan semajnfinon venu al Waterloo la 29 kaj 30an de septembro kaj vizitu kun ni la 1an de oktobro i.a. la historikaj naturplenan lokon Marimont. Eblas pli longa restado.

Krom la interesaj prelegoj, vizitoj al muzeoj kaj filmprezentadoj; ekspozicioj, esperanto-ekzamenoj (EJM) diplomiĝoj. ĥorkantoj kaj fervoja muzikistaro vi certe ĝuos napoleonan etoson en- kaj ekster la monaĥinejo.

Programo kaj aliĝiloj akireblaj kaj ensendendaj ĝis 15an de septembro ĉe:

BELGA ESPERANTO FERVOJISTA ASOCIO — stacio — B 1030 — ETTERBEEK —

5 FAKAJ TERMINOJ PRI FERVOJOJ eldonitaj de niaj landaj asocioj en lingvoj: — germana — hungara — nederlanda — norvega — serbokroata.

ĉiuj 5 kune sv.fr. 27. — afranko enkalkulita.

*Tolbinditaj jarkolektoj* de «La Internacia Fervojisto» jaroj 1965 — 1968 sv. fr. 6.—.

Mendu ĉe O. Walder, Esperantoweg, CH-8590 Romanshorn.

La redaktfino por la venonta IF estas 25.7.1973.

Presita de presejo A. Sæther A.s.
N-2300 Hamar, Norvegio.